Action pour le Progrès de l'Espéranto au Togo
APETo

# Babilanto

INFORMILO DE AGADO POR LA PROGRESIGO DE ESPERANTO EN TOGOLANDO

N-ro 03 aprilo - julio 2013



Karaj legantoj,
Jen la dua numero de 2013, kiu espereble plaĉos al vi ĉiuj. Ĝi ja enhavas gravajn informojn pri la Esperanto-vivo en Afriko kaj aparte en Togolando: krom la raporto pri agadoj de italino Paola B. Giommoni kun helpo de lokaj fortoj, aperas la sekvo de la artikolo pri kontribuo de togolandano al nia literaturo, artikolo pri togolanda kantisto Amevor Kodjo, informoj pri kampanjo en la universitato de Lomeo kaj pri la marta babilmanĝa renkontiĝo.

Krome vi povos legi pri Kotonuo - la urbo de la 5-a Afrika Kongreso de Esperanto, al kiu mi invitas vin partopreni jarfine 2013, por kuraĝigi la Afrikajn esperantistojn kaj ilin omaĝi, doni instigon al pliaj paŝoj kaj helpi disvastigi nian lingvon en la kontinento. En la rubriko Lernu Evea-n ĉi foje prezentiĝas la dekdu monatoj.
Bonan legadon!

**Adjévi**

*Chers lecteurs,*
*Voici le second numéro de l'année 2013, j'espère qu'il vous plaira. Il y a dans ce numéro des informations importantes sur les actions en faveur de l'Espéranto en Afrique et particulièrement au Togo: outre le rapport des activités de l'Italienne Paola B. Giommoni avec l'aide des espérantistes nationaux, vous lirez la suite de l'article sur la contribution d'un togolais à notre littérature, un article sur le chanteur togolais Kodjo Amevor, des infos sur la campagne de sensibilisation à l'université de Lomé et sur la rencontre Babilmanĝo du mois dernier.*

*En plus, vous pouvez lire sur Cotonou - la ville du 5e Congrès Africain d'Espéranto, auquel je vous invite à participer fin d'année 2013, pour encourager les espérant-istes africains et leur rendre hommage, inciter à plus d'actions et aider à diffuser notre langue sur le continent. Dans la rubrique Lernu Evea-n cette fois-ci se présentent les douze mois de l'année.*
*Bonne lecture!*

***Adjévi***

# Lomeo aranĝis sukcesajn agadojn

La du lastajn semajnojn de marto 2013 togolandaj esperantistoj kaj itala esperantistino Paola B. Giommoni, pasigis por informi kaj disponigi kursojn al togolandanoj kaj ankaŭ al eksterlandanoj pri Esperanto.

La 21-an de marto okazis okminuta partopreno en televida programo. La programo en la franca lingvo estas spektebla en: http://www.youtube.com/watch?v=D5LhPXUkXNg&feature=youtu.be (atentu, la voĉo ne estis laŭtigita do, necesos kromaj laŭtparoliloj por komforte aŭskulti la programon). Tiu ĉi programo "Midi Délices" estas ŝatata programo de pli ol unu miliono da enlandaj televidanoj ĉe la ŝtata telekanalo TVT. Tujaj rezultoj: favoraj eĥoj pri Esperanto flanke de multaj spektintoj, kiuj sendis poŝtelefone mesaĝetojn al ni. Krome, 6 personoj el kiuj estas du DR Kongolandanoj varbiĝis por la kurso por tutkomencantoj.

Tiu ĉi kurso por komencantoj okazis de la 25-a ĝis la 30-a de marto en la publika liceo Tokoin II. Averaĝe 26 kursanoj el kiuj estis unu kongolandano, du niĝerianoj kaj dudek tri togolandanoj finlernis la materialon *Metodo 11* po kvar horoj ĉiumatene. La plimulto de ili estas gestudentoj en la universitato de Lome.

Preskaŭ samperiode t.e de la 21-a ĝis la 26-a de marto po du horoj posttagmeze, okazis kurso por progresantoj en la ĝardeno de la domo *Baobabo.* Entute deko da geesperantistoj individue trejniĝis per la libro *Gerda Malaperis* precipe pri teksto-legado, Esperanto kulturo kaj interalie per rolludoj.






La kursanoj de ambaŭ niveloj kontentige reagis al la lernataĵoj. Tiel ĉiuj planitaj materialoj estis traktitaj. La gelernantoj de la unua nivelo aparte estis ĝentilaj, entuziasmaj kaj diligentaj ke ĉe la fino de la kurso multaj el ili tenas diskuteton en Esperanto. La salutĉeesto de svislandano Christian Darbellay (loĝanta en la norda Germanio antaŭ 30 jaroj) kaj ĉino Zhu Minghe ĉe la komenco de la kurso aparte donis tre pozitivajn impresojn al ili. Multajn surprizis malkovri Esperanton uzatan inter malsamaj landanoj. Dumsemajne ili entuziasme starigis demandojn, inter kiuj forestis la kutimaj frazoj kiel: "*Kiuj parolas Esperanton*?", "*Esperanto estas de kiu lando?*". Ĝuste tiu pozitiva impreso estis valora aldono al la kurso.

Fine, por kompletigi la sukceson de la agadoj kaj ebligi postan lernadon, uzadon, personan spertiĝon flanke de la partoprenintoj, okazis loterio dum kiu legolibroj, kompaktdiskoj, vortaroj, t-ĉemizoj, lerniloj estis disdonitaj kiel premioj. Tamen necesos en proksima estonteco perfektiga kurso por helpi la komencintojn plifirmigi sian konon pri Esperanto-kulturo kaj plibonigi sian lingvo-scion.

La plenumado de tiuj informa kaj instrua agadoj eblis pro subteno de UEA pere de la Afrika Komisiono. La agadoj ricevis ankaŭ monan kaj materialan subtenojn de Esperanto Internacia, Esperanto-France kaj de lokaj fortoj. Tiuj ĉi donis senpagajn tranoktadon kaj manĝadon al la gastino dum ŝia restado en Togolando.

**AA**

# Kontribuo de togolandano al nia literaturo (sekvo)

*Notons qu'une certaine confusion se dégage de la dénomination des formes de la tradition orale. L'oralité comprend plusieurs genres, chacun avec ses caractéristiques. Mais s'agit-il ici uniquement de la collection des fables comme l'a dit Adjévi Adjé à la page 9? Ou s'agit-il du mélange des contes et des mythes?*

*Prenons l'exemple du récit «Musô kaj Kulo» à la page 16. La fable par définition est un court récit contenant une moralité, généralement les personnages sont représentés par les animaux parlant et agissant comme des êtres humains. Avec analyse, nous pouvons dire que ce récit répond aux critères des fables puisqu'à la fin une leçon de morale s'est dégagée: «Estas malbone moki sian proksimulon kiam tiu ĉi troviĝas en malfeliĉo». La fable d'Adjévi diffère de celle du classique Jean de la Fontaine par sa forme prosaïque. Par contre, si nous prenons le récit «Luno falis en puton» à la page 31, nous parlerons d'un récit mythique, qui plus est un mythe de fondation. Le mythe sert à fonder la société traditionnelle et à éduquer les hommes et à respecter la hantise et la visitation des dieux. C'est pourquoi il est interdit en Afrique traditionnelle de regarder dans le puits la nuit et celui qui osera y contrevenir, connaîtra le sort d'Akofa.*




*En outre, ce livre est parsemé de contes définis comme récits d'aventures imaginaires et merveilleuses dans lesquels interviennent les fées, selon le petit Larousse illustré. Si nous nous en tenons à cette définition plusieurs passages seront considérés comme contes. En guise d'exemple, «Araneo kaj aliaj bestoj» à la page 17 est un conte puisque l'araignée, voulant faire la démonstration de sa ruse pour nuire à tous les autres animaux, s'est lancée dans une aventure à la quête de Dieu. Mais finalement, elle se trouve victime de sa propre ruse. De plus les caractéristiques fondamentales du conte se remarquent dans certains passages, à savoir l'imprécision spatio-temporelle telle que «Iam, En pratempo, Iunokte, En fora vilaĝo…». Les récits se situent toujours au passé et sont invraisemblables. Dès lors qu'il y a représentation de toutes formes de la tradition orale, Adjévi Adjé aurait pu faire le distinguo entre la fable, le conte, le mythe et la légende puisque le public cible a besoin de plus de clarté et de précision pour faire la part des choses.*

*Cet ouvrage amène à s'interroger sur le genre littéraire auquel il appartient puisqu'on note une absence de linéarité dans les récits. Chaque conte jouit d'une autonomie parce que ne dépendant pas d'un autre conte quelconque. Notons que le travail d'Adjévi Adjé a été influencé par celui de Bernard DADIE parce que cet ouvrage est conçu à l'image de Pagne noir malgré la divergence linguistique. L'écourtement des passages est justifié par l'incomplétude des contes. En Afrique, les contes sont toujours suivis des chants, des danses, des mimiques des gestes des personnages par le conteur et l'implication du public en vue de rendre plus spectaculaire la séance vespérale. Mais Adjévi Adjé n'a pas su mettre ces qualités qui font l'originalité et l'identité de la tradition orale africaine.* ***(fin)***

***NOUWOATSI Kossi Sénam***

Notu ke iu konfuzo fontas el la nomumo de formoj de la parola tradicio. Paroleco entenas plurajn ĝenrojn, ĉiu kun siaj karakterizaĵoj. Sed ĉi tie ĉu temas nur pri kolekto de fabloj kiel diris Adjévi Adjé ĉe la paĝo 9? Aŭ ĉu temas pri miksaĵo de fabeloj kaj mitoj?

Prenu la ekzemplon de la rakonto "Muŝo kaj Kulo» ĉe la paĝo 16. La fablo laŭdifine estas mallonga rakonto enhavanta moralecon, ĝenerale la personojn kutime reprezentas la bestoj, rolantaj kaj agantaj kiel homoj. Analizinte, ni povas diri ke la historio respondas al kriterioj de fabloj ĉar ĉe la fino morala leciono klariĝas: "Estas malbone moki sian proksimulon kiam tiu ĉi troviĝas en malfeliĉo". La fablo de Adjévi diferencas de la klasika Jean de La Fontaine pro ĝia formo proza. Kontraŭe, se ni prenas la rakonton "Luno falis en puton" ĉe la paĝo 31, ni parolu pri rakonto mita, kiu plie estas mito de fondo. La mito utilas por fondi la tradician socion kaj eduki homojn respekti la obsedon kaj la vizitadon de dioj. Jen kial estas malpermesite en la tradicia Afriko rigardi en la puton nokte kaj tiu, kiu kuraĝos malobei, spertos saman sorton kiel Akofa.

Krome, tiu libro estas punktita de fabeloj difinitaj kiel aventuraj rakontoj eltrovitaj kaj mirindaj en kiuj intervenas feinoj, laŭ la vortaro Ilustrita Petit Larousse. Se ni tenas nin al tiu ĉi difino pluraj partoj de la libro estos konsideritaj kiel feinrakontoj. Ekzemple, "Araneo kaj aliaj bestoj" ĉe la paĝo 17 estas mirrakonto ĉar la araneo, volante pruvi sian ruzon por malutili ĉiujn aliajn bestojn, ĵetiĝis en aventuron renkonte al Dio. Sed finfine, ŝi estis viktimo pro sia propra ruzo. Plie bazaj karakterizaĵoj de mirrakonto rimarkiĝas en iuj partoj, nome, la neprecizeco spac-tempa kiel "Iam, En pratempo, Iunokte, En fora vilaĝo…». La fabeloj ĉiam situas en estinteco kaj estas neverŝajnaĵoj. Ĉar estas reprezentataj ĉiuj formoj de la parola tradicio, Adjévi Adjé povintus fari distingon inter la fablo, fabelo, mito kaj legendo ĉar la celgrupo pli bezonas klarecon kaj precizecon por prijuĝi.

Tiu libro kondukas al sindemando pri la literatura ĝenro, al kiu ĝi apartenas pro tio ke oni notas foreston de linieco en la rakontoj. Ĉiu rakonto estas aŭtonoma ĉar ne dependas de iu alia rakonto. Notu ke la verko de Adjévi Adjé estis influita de tiu de Bernard Dadie ĉar ĉi tiu libro estas verkita simile al **Pagne noir** malgraŭ la lingva diverĝeco. La mallongigo de la fragmentoj estas pravigita pro la nekompleteco de la fabeloj. En Afriko, la rakontojn ĉiam sekvas kantoj, dancoj, gestadoj de rolantoj far rakontisto kaj partopreno de la publiko por igi pli impona la vesperan kunsidon. Sed Adjévi Adjé ne scipovis enmeti tiujn kvalitojn kiuj faras la originalecon kaj identecon de la Afrika parola tradicio.

**(fino)**

# Babilmanĝa renkontiĝo fariĝis tradicio en Lomeo

Ne longe post sia iniciatiĝo, la 3-an de marto 2012, babilmanĝo rapide hejmiĝis kaj fariĝis unu el la agadoj kiuj arigas regule esperantistojn en Lomeo. La unua renkontiĝo de la jaro 2013 okazis la 16-an de februaro, kompreneble vespere post prov-kurso en la universitato de Lomeo (UL). La renkontiĝo estis grava okazo por la partoprenantoj ekkoni la domon de la gastiganta membro. Krome ĉiuj dek ĉeestantaj membroj havis la okazon prezenti sin mem en Esperanto, kartludi, trejne parole priskribi endomajn aĵojn, meze de bongustaj kolbasoj kaj trinkaĵoj. Kompreneble, ne estis temo vere debatita kiel tradicie, sed preskaŭ mankis krokodilado.



# Amevor Kodjo: Mi havas dekon da kanzonoj en Esperanto




Por alporti akvon al la muelilo de la organizantoj de la Babilmanĝa renkontiĝo, okazinta en la hejmo de Zhu Minghe la 16-an de marto 2013, Amevor Kodjo el Notsé, estis invitita por kutimigi la partoprenantojn al kantoj en Esperanto. El tekstoj verkitaj de li mem, ludante sian gitaron, Amevor interpretis plurajn el siaj kantoj, el kiuj kelkajn inspiris poemo.

La ĉeestantoj povis duonkanti la plej konatajn partojn kiel ekzemple “*La apetito venas manĝante…*“ kaj *“Manĝu por vivi, sed ne vivi por manĝi...“.*

Ne estas facile kompreni la vortojn, kiam oni ne posedas la bazon de Esperanto. Sed ĉi tiu koncerteto estas jam unua alproksimiĝo pri la muzikeco de la lingvo ankoraŭ malmulte konata.

Amevor lernis perkoresponde Esperanton en Ganao. Li vojaĝis ankaŭ al Gabono, kie li provis intrui en televida programo. Li estis vicprezidanto de UTE - Unuiĝo Togolanda por Esperanto inter 2005 kaj 2006, verkis dekon da kantoj en Esperanto kaj serĉas nun rimedojn por registri KDn. Li estas talenta kaj sendube la estonta kantisto.

*Pour apporter de l’eau au moulin des organisateurs de la rencontre Babilmanĝo, organisée au domicile de Mr Zhu Minghe le 16 Mars 2013, Amevor Kodjo de Notsé, avait été invité à familiariser les participants avec les sons de l’espéranto, mis en chanson. A partir de textes composés par lui-même, tout en s’accompagnant de sa guitare, Amevor a interprété plusieurs de ses chansons, dont certaines inspirées de poème.*

*L’assistance a pu fredonner les airs les plus connus, lors-qu’il s’est agi du “La apetito venas manĝante…“ et “Manĝu por vivi, sed ne vivi por manĝi...“.*

*Il n’est pas aisé de comprendre les paroles lorsque l’on ne possède pas les bases de l’espéranto. Mais ce mini-concert est déjà une première approche de la musicalité de cette langue encore peu répandue.*

*Amevor a fait le Ghana, où il a appris l’espéranto. Il a aussi fait le Gabon où il a essayé d’enseigner la langue à la télé. Il fut le vice-president de l’UTE – Union Togolaise pour Espéranto (2005 – 2006). Il a écrit une dizaine de chansons et cherche actuellement des moyens pour enregistrer un CD en espéranto. Il est talentueux et sans doute un artiste en herbe.*

## Baldaŭ Esperanto-Klubo en la universitato de Lome

Kadre de la starigo de Esperanto-Klubo en la universitato de Lome (UL) kaj sub la kunordigo de sinjoro Adjé Adjévi, estis organizita en UL informkampanjo pri Esperanto. Tiu kampanjo daŭris ĉirkaŭ du semajnojn t.e de la 1-a ĝis la 13-a de februaro 2013.

De fakultatoj al fakultatoj, de lernejoj al lernejoj kaj trairante la plej gravajn grupejojn de studentoj en la universitato, s-ro Kradi Kouami disdonis faldfoliojn, afiŝis surmure kaj buŝe informis pri Esperanto. La gestudentoj amase anonciĝis favore al la projekto. Nia ĉefa celo estas krei klubon kaj en la klubo disvastigi la universalan lingvon Esperanto per informado kaj instruado al ĉiuj studentoj kaj efektivigi agadojn.

La rezulto ĉe la fino de ĉi tiu informkampanjo estis tre kontentiga, kaj ni faros grandan kunsidon por malkovrigi la lingvon sabate, la 16-an de februaro 2013 prepare al niaj unuaj agadoj en la unuversitato en la kuranta jaro.

Notu, ke Togolando havas du publikajn universitatojn: universitato de Lomeo kaj tiu de Kara. En la venontaj tagoj ni volas esplori ankaŭ la universitaton de Kara, kiu estas 420 km for de Lome kun la samaj ambicioj.



**Kradi Kouami kaj liaj kamaradoj en la universitato de Lome**

## Bientôt un Espéranto-Club à l'université de Lomé



Séance de découverte de l'espéranto à l'université de Lomé

*Dans le cadre de la mise en place d'un club d'espéranto à l' université de Lomé (UL) et sous la large coordination de sieur Adjé Adjévi, une sensibilisation des étudiants sur l'espéranto a été organisée dans l'enceinte de l'université. Cette sensibilisation a duré deux semaines environ c.-à-d. du 1er au 13 Février 2013.*

*De facultés en facultés, d'écoles en écoles et en passant par les plus importants lieux de regroupement des étudiants sur le campus, Kradi Kouami a distribué des dépliants, a posé des affiches sur les murs et a informé ses camarades sur l'espéranto. Les étudiants se sont massivement inscrits pour ce projet. Notre objectif premier est de créer un club et au sein du club vulgariser l'espéranto par son enseignement à tous les étudiants et après mener des activités.*

*Le bilan à la fin de cette sensibilisation pour nous a été très satisfaisant et nous comptons faire une séance de découverte de l'espéranto samedi le 16 Février en prélude à notre première activité.*

*Notons que notre pays le Togo compte deux universités publiques et dans les jours à venir nous souhaitons explorer l'université de Kara qui se situe à 420 km de chez nous avec les mêmes ambitions.*

**Kradi Kouami**

# Itala esperantistino vizitis Togolandon

De la 15-a de marto ĝis la 5-a de aprilo 2013 vizitis Togolandon Esperanto-instrucele s-ino Paola B. Giommoni, profesie lingvistino kaj tradukistino.



Paola helpas homojn en la lernado de la itala, franca, angla, germana kaj Esperanto. Inter ŝiaj lernantoj estis ankaŭ orientaj Afrikanoj. Ne nur ŝi gvidis Esperanto-kursojn en socia centro de sia urbo Areco, sed ankaŭ ŝi estis respondeculino pri la menuo de la bankedo dum Universala Kongreso de Esperanto en Florenco 2006, kaj konsilistino pri manĝejoj tie.

Dum sia restado en Togolando, Paola B. Giommoni transdonis siajn Esperanto-sciojn al interesatoj, komencantoj kaj progresantoj, profundigi ilin pri la lingva literaturo kaj prezentis sian hejmlandon. Siavice, ŝi multon lernis pri togolanda kulturo kaj pri la naturo pere de la neŭtrala lingvo.

Paola loĝis en la domo de la prezidanto de la landa asocio UTE kaj poste, en Instituto Zamenhof, kie ŝi renkontis kun infanoj, kiuj ne nur lernas pri skribado, legado sed ankaŭ pri Esperanto.

Antaŭ sia revojaĝo hejme, Paola donacis al UTE dudekon da valoraj libroj, kiujn ŝi kolektis en Italio por Togolando. Dankon, dankegon al ŝi, kaj ni esperas ke neniu bedaŭros siajn strebojn por la realigo de tiuj ĉi riĉaj agadoj en Togolando ene de tri semajnoj.

**Afrika Kongreso de Esperanto (AKE) en Benino Dato de la aranĝo: de la 28-a de decembro 2013 ĝis la 4-a de januaro 2014 por ĝenerala programo kaj de la 5-a ĝis la 8-a de januaro 2014 por postkongresa ekskurso. Esperantistoj de ĉiuj landoj kaj de ĉiuj kontinentoj! Vi estas invitataj partopreni la kongreson por kuraĝigi Afrikajn esperantistojn kaj ilin omaĝi, doni instigon al pliaj paŝoj kaj helpi disvastigi nian lingvon en la tuta mondo. Afrika Kongreso de Esperanto en Benino jarfine 2013 estos grava evento kaj por la E-movado entute kaj por la historio de UEA, same kiel por la Esperanto-movado en Afriko. Informoj pri aliĝo, tranoktado, ekskursoj, manĝado en: http://www.esperanto-afriko.org aŭ bonvolu skribi al la organiza komitato je: ake-2013@yahoogroups.com Ili antaŭĝojas akcepti vin en Kotonuo!!!**

# Babilmanĝa renkontiĝo marte en «Forever»

Prezento de sia nova domo, ekkonatiĝo kun la itala gastino Paola Giommoni, renkontiĝo kun lomeaj esperantistoj jen tiom da kialoj por ke Zhu Minghe povu malfermi la pordon de sia loĝejo al ni, en la fluo de babilmanĝa renkontiĝo, sabate la 16-an de marto 2013.

Zhu, kiu afable invitis nin al sia nova loĝloko, ekloĝis en Lome antaŭ ses monatoj. Li konas preskaŭ ĉiujn togolandajn esperantistojn kaj partoprenas en iliaj aktivecoj. Li kaj lia filino Lin, loĝas en vilao nordokcidente de Lome en la kvartalo Forever najbare al la televidstacio LCF, kies elsendoj transkontinentiĝis danke al la stelito.

Salato, mendita de nia gasto regalis la partoprenantojn okupatajn ĉu paroli, ĉu preni trinkaĵojn.

Bongusta kuko de Adjé sekvis, kaj multaj temoj diskutiĝis inter ĉiuj ĉeestantoj. Zhu konigis sian domon, prezentis pri sia laboro kaj pri siaj intencoj por Esperanto en Togolando.

Sinjorino Paola parolis pri sia vojaĝo kaj patrolando. Adjevi pri la agadoj en marto: kurso por komencantoj kaj progresantoj en Lomeo. Li diris, ke estos bona okazaĵo por la partoprenontoj lerni kaj havi rektan kontakton kun la eŭropa movadanino Paola.

Amevor Kodjo ludis gitaron kaj kantis Esperante. Vere li kantas sub favora stelo.



Kompreneble ĉiuj ĝojis denove ĉeesti kunkune, des pli ke estas verŝajne unu el la malfotaj okazaĵoj por plivigle praktiki la lingvon en Togolando.

**De la 25 ĝis la 30 de marto 2013 okazis kurso por komencantoj en liceo Tokoin II. Finlernis la libron Metodo 11 trideko da kursanoj. Ĉe la fino de la kurso, mi petis al ili sin prezenti por la revueto *Babilanto.* Kelkaj ekzercis sin respondante al la sekvaj demandoj : 1.) Kiel vi nomiĝas? Kiom aĝa vi estas? Kio vi estas?, 2.) Kiom da fratoj kaj fratinoj vi havas?, 3.) Ekde kiam vi fariĝis esperantisto?, 4.) Kiujn ŝatokupojn vi havas? 5.) Kion vi faros post la kurso?, 6.) Kio estas via vivdevizo, 7.) Ĉu vi havas apartajn mesaĝojn por la Esperanto-komunumo?**



1. Mi nomiĝas Efoe KOSSI, mi havas 23 jarojn kaj studas matematikon en la universitato de Lomeo.
2) Mi havas grandan familion: du fratinojn kaj tri fratojn.
3) Mi fariĝis esperantisto antaŭ unu jaro (mi ofte lernas Esperanton en la reto sed mi enskribiĝis por kurso en Institut Zamenhof pasintjare por enprofundigi miajn konojn en Esperanto).
4) Mi ŝatas legi, sportumi, vojaĝi kun amikoj kaj mia ŝatata ludo estas ŝakmat'. Mi emas ankaŭ rigardi sciencajn dokumentajn filmojn.
5) Post la kurso, mi intencas disvastigi tiun belan kaj neŭtralan lingvon al ĉiuj sur mia vojo - kiel mi jam parolas pri ĝi al ĉiuj miaj amikoj - konatiĝi kun la tuta esperantista familio ĉie en la mondo. Instrui la valorojn de Esperanto.
6) Agu ĉiam por la paco kaj laboru ĉiam por pli bona mondo.
7) Ni devos kune labori por florigi Esperanton eĉ en dezertoj. Ni ĉiuj bezonas kredi al ideoj de Esperanto: paco, unueco, amo kaj nova mondo sen militoj kaj lingvaj bariloj.
Mi citas ekzemplon kiu motivigis nin: Itala esperantistino forlasis sian landon por instrui Esperanton en Togolando kaj ŝi estis helpata en siaj klopodoj de lokaj fortoj. La inverso estas ankaŭ nia revo tio estas ankaŭ iri instrui Esperanton aliloke. Estas granda signo ke Esperanto rompas landlimojn pro amo. Estas granda ĝojo por ni ĉiuj.
Vivu Esperanto. Mi elkore salutas vin ĉiujn karajn legantojn de *Babilanto*.



1. Mi nomiĝas Amidou ZAKARI. Mi naskiĝis en la jaro 1993 kaj mi havas 20 jarojn nun. Mi studas pri naturaj sciencoj en la universitato de Lomeo.
2. Mi havas 3 fratojn kaj 3 fratinojn. Ili ĉiuj loĝas en Dzogbegan, kie mi naskiĝis.
3. Mi komencis lerni Esperanton ekde la 25-a de marto 2013.
5. Post la kurso, mi daŭrigos la lernadon de Esperanto por fariĝi bona esperantisto.
7. Mi esperas, ke Esperanto ebligos al mi iam vojaĝi tra la mondo multe pli facile kaj malmultekoste. Mi dankas.



1. Mia nomo estas Kluvi A. ASSIONGBON. Mi havas 48 jarojn kaj profesie mi estas komputisto.
2. Mi havas 9 fratojn kaj 4 fratinojn. Mi mem estas la kvina el la 14 gefiloj de mia patro.
3. Mi eklernas Esperanton de januaro 2013
4. Piedpilko estas mia ŝatata ŝatokupo
5. Korespondi kun la tuta mondo por malkovri aliajn kulturojn kaj plibonigi mian Esperanton.
6. Amu vian proksimulon kiel vin mem
7. Mi volonte akceptas korespondpetojn el la tuta mondo. Jen miaj adresoj: poŝtelefono: +228 98 02 30 97; Poŝtkesto 3534 p/a Adzogah Komlan; retpoŝto: ka.assion@yahoo.fr



1. Mi estas Dédé Diane AMEGNIAGBO. Mi havas 21 jarojn kaj estas studentino en la universitato de Lomeo.
2. Mi havas 2 fratojn kaj 1 fratinon.
3. Mi komencis lerni Esperanton en la kurso en liceo Tokoin II.
4. Muzikon kaj promenadon.
5. Mi volas flue paroli en Esperanto kaj se eblas ankaŭ vojaĝi per Esperanto.
6. Persistemo kaj sukceso
7. Saluton al ĉiuj ! Mi ĝojos ricevi mesaĝojn el Eŭropo en mia retkonto: amegniagbodede@gmail.com

1. Mi nomiĝas Adjé Effoe Jérôme, 28 jara knabo, studento pri ekonomio kaj administrado en la universitato de Lomeo.
2. Mia familio konsistas el patro kaj tri edzinoj kun 28 gefiloj. Mia patrino havas ok gefilojn (5 filinojn kaj 3 filojn).
3. Mi ekaŭdis pri Esperanto en 2003, kiam mi estis en kolegio.
4. Mi ŝatas sportumi, aŭskulti muzikojn kaj rigardi esplorfilmojn pri bestoj.
5. Mi deziras havi multe da esperantistaj amikoj, partopreni en diversaj agadoj nacie kaj internacie.
6. Amo
7. Mi bonvenigas korespondpetojn el la tuta mondo je: jeroadf06@gmail.com
Dankon!



# VOICI POURQUOI ON DEVRAIT APPRENDRE L'ESPERANTO

**Exposé de Ronald J. Glossop, Saint-Louis, Missouri, Etats-Unis d'Amérique, auteur du livre «Confronting War», 4e édition, pour la «Journée de l'Ecole» au Congrès Universel d'Espéranto, Göteborg, Suède, 29 juillet 2003**

«Pourquoi devrait-on apprendre l'Espéranto?». Naturellement, la réponse n'est pas la même pour chaque personne. En outre, il y a diverses sortes de raisons. Je veux vous en présenter trois catégories. Ces trois sortes de raisons sont premièrement les raisons pratiques, deuxièmement les raisons relatives à l'ouverture d'esprit et troisièmement les raisons morales.

**Les raisons pratiques** sont au nombre de trois. La première est la suivante: apprendre et pratiquer l'Espéranto enrichit votre vie. Avec l'Espéranto, vous pouvez rencontrer et connaître de nombreuses personnes ouvertes, intéressantes, cultivées, douées, talentueuses, voyager dans divers pays à travers le monde entier, vraiment profiter de fêtes internationales, écouter de la musique et danser des danses de nombreuses cultures. Toute la planète peut devenir votre terrain de jeu.

La seconde raison pratique est l'avantage d'avoir des contacts dans le monde entier; des usagers de l'Espéranto vous salueront et vous souhaiteront la bienvenue où que ce soit dans le monde. Souvent, ils vous inviteront à partager leur repas et parfois même à séjourner chez eux dans leur pays lointain. Comme le disent souvent les espérantistes: «Si vous voulez gagner de l'argent, apprenez l'anglais. Si vous voulez gagner des amis, apprenez l'Espéranto». Aphorisme vrai, sans aucun doute! Soit dit en passant, bien des couples durables se sont formés dans la communauté espérantophone.

La troisième raison pratique d'apprendre l'Espéranto, spécialement pour les enfants des pays anglophones et asiatiques, est que l'Espéranto fournit une bonne façon de commencer l'étude d'une autre langue en plus de la langue maternelle. Diverses expériences montrent que les élèves apprennent plus vite l'Espéranto – langue tout à fait régulière – que des langues nationales européennes telles que l'anglais ou le français. En outre, on peut observer que les élèves qui étudient l'Espéranto en premier, au lieu de langues plus difficiles, apprennent ensuite d'autres langues avec plus d'intérêt. Ils sentent qu'ils en ont la capacité. Au contraire, l'étude de langues plus difficiles, telles que le latin et l'anglais, décourage souvent les élèves d'essayer d'apprendre d'autres langues.

**Une plus grande ouverture d'esprit** grâce à une meilleure compréhension du monde, voilà une autre bonne raison d'apprendre l'Espéranto. Comme le dit très bien le Dr Stevens Norvell, espérantiste canadien de Nouvelle Ecosse, l'Espéranto est «une fenêtre ouverte sur le monde». Lorsque l'on est capable de lire et d'entendre cette langue, on peut s'informer sur d'autres pays, d'autres cultures, d'autres points de vue par des livres, des journaux, des revues, des cassettes audio ou vidéo, des émissions de radio et de télévision, des sites sur la Toile et des messages électroniques. On peut obtenir des informations non tendancieuses sur ce qui se passe dans le monde.

**Traduction française de Masson, Grosjean et Piron**

## La 5-a Afrika Kongreso de Esperanto okazos en Kotonuo, Benino 28 dec.13 - 4 jan. 2014

Kotonuo estas urbo kuŝanta marborde inter la lago Nokue kaj la Atlantika Oceano. Ĝi estas dividita per kanalo, la lageto de Kotonuo, fosita de francoj en 1855. Tri pontoj provizas la ligon inter la du bordoj.

Kotonuo estas la ekonomia ĉefurbo kaj la plej granda urbo de Benino. La nomo *Kùtɔnû* [kutonu] signifas "enfluejo de la rivero de la morto" en Fon-gbe. La urbo gastigas multajn servojn registarajn, diplomatiajn kaj kulturajn.

Kotonuo estas konata pro sia internacia bazaro de 20 hektaroj (Dantokpa), temas pri unu el la plej grandaj bazaroj en okcidenta Afriko.

En la komenco de la 19-a jarcento, Kotonuo estis loĝata de kelkaj fiŝkaptistoj. Estis sub la reĝado de Glele, reĝo de Dahomey (1858 - 1889), ke la unuaj eŭropanoj establiĝis. La teritorio estas cedita al Francio sekve de traktato subskribita kun Glele la 19-an de majo 1868. Ĉe la morto de la reĝo en 1889, lia filo Behanzin provas vane kontesti tiun traktaton. La urbo, de nun oficiala, tiam kreskas rapide.

Hodiaŭ ĉirkaŭ dudeko da soci-kulturaj grupoj vivas en la tuta Benino. Tiuj diversaj etnaj grupoj parolas multe da lingvoj. La ĉefaj naciaj lingvoj ĉirkaŭas dek kvin (ajagbé, guengbé, fongbé, yoruba, gungbé ktp). En la adminstrado, komerco kaj la internaciaj rilatoj, oni parolas la francan lingvon.

De la internacia flughaveno de Kotonuo estas flugoj el kaj al diversaj afrikaj ĉefurboj kaj al Parizo. La urbo estas konektata per vojo al malsamaj landoj en la regiono: Niĝerio, Togolando, Niĝerlando, Burkino. Danke al tiuj diversaj rimedoj de komunikado, Kotonuo fariĝis vojkruciĝo por la Okcidenta Afrika komerco, profitante la malfacilaĵojn kiujn alfrontas Abidjan ekde la civila milito en Ebura Bordo. Krome tiu urbo havas buntan kulturon, vizitindajn kuriozaĵojn kaj aparte bongustan kuirarton. Do, klaras ke Kotonuo estas taŭga loko por la Afrika Kongreso de Esperanto jarfine 2013.

La urbo antaŭĝojas bonvenigi vin!

Por pli da informoj, bonvolu viziti: www.esperanto-afriko.org aŭ vi povos skribi al la Kongresa Organiza Komitato (KOKo) je: ake-2013@yahoogroups.com

**Estas gesamideanoj, kiuj tre subtenas la ideon de tiu kongreso, sed ne povos veni pro personaj cirkonstancoj. Tamen por subteni, ili aliĝas kaj pagas la kongreskotizon. Tio estas subtena aliĝo. Poste, kiam venas la eblo mendi hotelon, manĝojn kaj ekskursojn, ili mendas nenion. Ilia kongreskotizo estas donaco al la kongresa kaso. Ilia nomo aperas en la listo de partoprenantoj. Oni povas antaŭvidi, ke oni metu iun stelon apud ilia nomo por indiki, ke ili faris subtenan aliĝon kaj ne fizike partoprenis. Bonvolu konsideri tiun eblon.**

**Mireille Grosjean**

### Apprenons l'Ewe / Lernu Evea-n/ Mie srɔ Eʋegbe

januaro – **dzove**
februaro – **dzodze**
marto – **tedoxe**
aprilo – **afɔfiɛ**
majo – **damɛ**
junio – **masa**
julio – **siamlɔm**
aŭgusto – **dasiamime**
septembro – **anyɔnyɔ**
oktobro – **kele**
novembro – **adeɛmekpɔxe**
decembro – **dzome**